25ª Jaro - Nº 7-8 (268-269) Jara Kotiz-Abono Fr 35.— Julio-Augusto 1939ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6.36

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK - ANTVERPENO



**Nia 28-a**

## Belajn tagojn ni pasigis en Loveno !

La hazardo de la kalendaro alvenigos tiun ĉi raporton pri nia 28a Kongreso, sub la okuloj de la partoprenintoj, diversajn semajnojn post la okazintaĵo mem.

La tuja impreso, kiun ni havis pri tiu jarfesto, jam estos iomete forviŝita pro niaj novaj priokupoj pri la granda libertempo, kiu, por multaj inter ni, jam komenciĝis aŭ estas baldaŭ komenciĝonta.

Sed tamen ĉiuj, kiuj legos tiun ĉi raporton, akordiĝos kun ni, por solene atesti, ke la Kongreso, organizita de la juna grupo Lovena, kiu konsistas el nur junaj fortoj, estis bonege prizorgata.

Kaj se la ĉeestantaro ne estis tiel multnombra kiel la antaŭaj jaroj kaj kiel la organizantoj kaj ni ĉiuj esperis, tio tute ne malhelpis, ke la ĉeestintoj bone laboris kaj bone amuziĝis.

Kaj la forestintoj, unufoje pli, kaj pli ol iam, malpravis.

Ni feliĉe scias ke tiuj, kiuj forestis, tion, plej grandparte, ne memvole faris. Iuj estis malhelpataj pro privataj cirkonstancoj kaj multaj estis malhelpataj, ĉu efektive, ĉu morale, pro la internaciaj okazantaĵoj, kiuj, ĝis kelkaj tagoj antaŭ la Kon-



GENERALA FOTOGRAFAĴO DE LA KONGRESANOJ ANTAŬ LA URBDOMO
(sur la unua r[illegible]o oni rimarkas la Skabenon S-ron Rapport, inter S-roj Kempeneers kaj Jaumotte).




LA DELEGITARO ANTAŬ LA MONUMENTO AL LA MILITMORTINTOJ
(oni rimarkas la jam cititan skabenon inter S-roj Jaumotte kaj Wauters).

greso, malpermesis al multaj, antaŭscii firme, ĉu ili povos, ĉu ili ne povos ĉeesti.

Ni esperu, ke proksimaj jaroj tiuj eksteraj cirkonstancoj ne plu devigos multajn inter ni forresti kaj ni preparu, de nun, nian laboron kaj nian iron al nia 29-a, kiu devos daŭrigi la sukceson de niaj antaŭaj kongresoj kaj kiu, laŭ nombra vidpunkto, devas realporti al ni, la plej glorajn tagojn de nia Liga historio.

Intertempe, ni gratulu tie ĉi publike ĉiujn, kiuj en Loveno, sub la gvidado de la vigla prezidanto S-ro M. Wauters, zorgis, ke ĉio okazu laŭprograme, en la plej bona atmosfero de kontenteco pri ĉiuj aranĝoj.

Maur. JAUMOTTE.

## NIA RAPORTO

Sabate, la 28-an de Majo, ekde la dua, alvenis en Loveno, la kongresanoj el ĉiuj regionoj de la lando.

En la stacidomo, montriloj en Esperanto gvidis la alvenintojn al la atendejo 2a-klasa, kie atendis, por doni klarigojn, reprezentantoj de la L.K.K.

En la akceptejo, kie estis organizata plej kompleta ekspozicio de ĉiuspecaj Esperantaĵoj kaj de Esperanto-literaturo, laboris la aliaj L.K.K.-anoj kun S-ino Haudebine.

Rapide la alvenintoj ricevis tie la necesajn dokumentojn kun tutplena koverto, en kiu troviĝis diversaj allogaj kaj interesaj Esperanto-dokumentoj.

## FLORDEMETO

Je la 4a horo precize, S-ro Jaumotte, Liga vicprezidanto, gvidis delegacion, en kiu partoprenis la prezidanto de la L.K.K., S-ro Wauters, la Liga sekretario, S-ro Poupeye, kaj kelkaj membroj de la diversaj grupoj, al la grandioza monumento al la militviktimoj, kiu staras sur la Martira Placo, antaŭ la stacidomo.

Tie atendis la delegacion S-ro Raport, skabeno de la urbo Loveno kiu deziris danki la delegacion kaj la kongreson pro la ceremonio.

S-ro Jaumotte demetis tie belan florgarbon antaŭ la monumento, kaj, dum momento, kliniĝis antaŭ ĝi.

## KUNVENO DE BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Post tio, okazis, en la « Hotelo Ratteman », la ĝenerala jarkunsido de nia eldona Koopera Societo « Belga Esperanto-Instituto ».

Tiuokaze, ni diru ke, en tiu ĉi « hotelo », kiu estas malnova privata domego, nun la propraĵo de la « Cercle des Conférences », poste okazis ĉiuj la aranĝoj de la Kongreso, la manĝoj inkluzive.

Por tion fari, ni disponis pri ĉambraro tute konvena kaj nur unu malbona flanko estas citebla tiurilate, nome ke ĝi malhelpis parte la vizitadon de la ĉarma kongresurbo, kiun ordinare la kongresanoj havas la tempon viziti, nur kiam ili iras de unu aranĝo al la alia, dum nun ĉio sekvis regule, unu post la alia, en la sama konstruaĵo.

Sed la avantaĝoj multe superis tiu ĉi malbonaĵeton.

Estis S-ro Jaumotte, administranto prezidanto de la Instituto, kiu malferm la kunsidon kaj kaptis la okazon po diri unuan vorton de bonveno al l ĉeestintoj.

Li, ĉe la administrantara tablo, esti ĉirkaŭata de S-roj De Hondt kaj Va den Bossche, administrantoj-delegito

S-ro Jaumotte klarigis la celon de l ŝanĝo, kiu okazis en la statuto kaj ki antaŭvidas, ke, estonte, la ĝeneral jarkunsido okazos dum la Pentekosta tagoj, en la urbo de la belga Kongreso Tiu celo estas permesi al pli da per sonoj el la diversaj urboj, interesiĝi p nia eldona kaj preseja societo.

Li klarigis, ke ne estas eble, daŭrig la ekspluatadon de magazeno ku fasado sur strato de la centro d Antverpeno, se ne ĉiuj, kiuj kapablas aĉetas en la Instituto, ne nur ĉiuj esperantaĵojn, kiujn ili bezonas, se ankaŭ tiujn paperaĵojn diversajn, kiuj ili tamen aĉetas en la daŭro de la jar en iu aŭ alia magazeno de sia kvartalo

Poste, oni aŭskultis la legadon de l raporto de la administrantaro, kiu esti aprobata, post legado kaj aprobo de l raporto de la komisaroj. Poste sekvi la aprobo de la bilanco kaj de la kalkulo de profitoj kaj perdoj, la kvitigo per du specialaj voĉdonoj, al la administrantoj kaj komisaroj, pro la plenig de ilia mandato.

Kaj fine, unuanime, la ĉeestanto reelektis F-inon Yvonne Thooris, kie komisarinon.

La administrantaro estas nun kunmetata el S-ro Jaumotte, administranto prezidanto (1943) ; S-ro L. De Hondt adm.-delegito, sekretario (1944) ; S-ro G. Van den Bossche, administranto delegito (1940) ; S-ro M. De Ketelaere (1941), S-ro H. Vermuyten (1942).

La Komisaroj estas F-ino Y. Thoori (1945) ; S-ino Staes (1941) ; F-ino J Morrens (1942) ; S-ro H. Sielen (1943) kaj S-ino H. Schoofs (1944)

Post kiam S-ro Faes estis, kiel interpretanto de ĉiuj akciuloj, dirinta kelkajn vortojn da laŭdo al la trio Jaumotte De Hondt-Van den Bossche, kiuj estas la laborantaj elementoj, kiuj, ĉiutage matene jam frue, posttagmeze kaj vespere, laboras, ĉu kune, ĉu sinsekve en la oficejo, la prezidanto fermis tiun laŭleĝan kunsidon.

## LABORKUNSIDO DE R.B.L.E.

La kunsido de la Instituto finiĝis akurate je la antaŭvidita horo kaj, ĉar

a ĉeestintoj nur devis malsupreniri ŝtuparon por esti en la granda salono, kie estis antaŭvidata la laborkunsido de L.B.L.E., tiu kunsido ankaŭ povis komenci tute akurate, sub la gvidado de S-ro Kempeneers, prezidanto, kiu intertempe estis alveninta.

Li estis asistata de S-roj Jaumotte, vicprezidanto, Ch. Poupeye, sekretario kaj Maurice Wauters, prezidanto de la L.K.K., kiu direktis vortojn bonvenigajn al la ĉeestantaro.

Post enkonduka parolado de la prezidanto, la sekretario resumis la raporton, faritan dum la ĝenerala kunsido de la 16-a de aprilo.

Poste, sekvis priparolado de diversaj propagandaj punktoj, nome la refondiĝo de grupo en Thienen, la fondiĝo de alia en St. Truiden, dank' al la klopodoj de S-ino Haudebine, la rektmetoda profesorino kaj de S-ro Rodeyns, malnova samideano, kune kun S-ro Wauters.

Oni priparolis tiam la gazetaran servon, kiu nun denove funkcias, kaj pri kies rezultato ĉiuj gemembroj informos S-ron Alofs, sendante al li la eltondaĵojn el gazetoj.

Pri la radio-propagando, S-ro Faes atentigis pri la graveco de Esperanto-kursoj akirotaj ĉe lokaj aŭ regionaj radiostacioj.

La ĉeestantaro tiam estis atentigata pri la filmo « Idiot's Delight », kiu estos prezentata en Belgujo, verŝajne ĉe komenco de la vintra sezono.

Fine, la prezidanto faris alvokon pri varbado de individuaj membroj por I.E.L. kaj atentigis pri la internacia konkurso. Li anoncis samspecan konkurson, aranĝota inter la grupoj en Belgujo.

## VESPERA INTIMA FESTO

Post tiu ĉi kunsido, la membroj havis la tempon por vespermanĝi kaj multaj kaptis tiun unuan okazon, por viziti parton de la urbo.

Kaj, denove je l'akurata horo, — ni ŝin substrekas, ĉar tro ofte oni diras, ke en Belgujo nenio povas okazi laŭ antaŭe-anoncita programo —, komenciĝis la vespera intima festo, dum kiu la prezidanto prezentis filmon pri Svisujo kaj alian pri la pasintjara kongreso en Charleroi.

Kompreneble, plezurigis ĉiujn partoprenintojn revidi sin sur la blanka tuko kaj revivi tiel kune kelkajn el la ĉefaj okazintaĵoj de tiu jarfesto.

Poste, S-ino Haudebine faris tre bone sukcesintan lecionon rektmetodan kaj havis la honoron, kalkuli inter siaj momentaj lernantoj S-ron Raport, la jamcititan skabenon de la urbo Loveno.

Agrabla dancado finigis tiun ĉi vesperon.

## LA DIMANĈA TAGO

Dimanĉmatene, preskaŭ ĉiuj kongresanoj regrupiĝis jam frue, por ĉeesti unuj la meson kun Esperanto-prediko de Pastro J. De Maeyer, kiu, kiel kutime, tre altspirite alparoladis siajn samkredantojn ; aliaj la reformitan diservon, kun kantoj gvidataj de S-ro Demoulin.

## LA SOLENA KONGRESKUNSIDO

Kaj, je la deka, malfermiĝis en la Hotelo Ratteman, la solena Kongreskunsido.

S-ro Kempeneers estis asistata, sur la podiumo, de S-roj Jaumotte, Poupeye kaj Tassin, dum oni notis, inter la ĉeestantoj, la emeritajn vicprezidanton, S-ron Cogen kaj administrantinon, S-inon Elworthy kaj diversajn administrantojn kaj komisarojn.

La prezidanto, malferminte la kunvenon, rememorigis antaŭ la staranta ĉeestantaro, la nomojn de la mortintoj el la enlanda movado dum la lasta jaro.

Poste estis legataj salutleteroj de S-ro Barono Houtart, provincestro de Brabanto ; de S-ro Van der Vaeren, la ĵusnomita urbestro de Loveno ; de S-ro Van der Mueren, skabeno de Publika Instruado de la sama urbo kaj de multaj organizaĵoj kaj individuaj esperantistoj, i. a. de F-ino Y. Thooris, Liga vicprezidantino, kiu, malhelpata, ne povis ĉeesti. La ĉeestantaro aplaŭdis la nomon de tiu ĉi fervora samideanino kaj alsendo de saluttelegramo al ŝi estis decidata.

La sekretario, S-ro Poupeye, tiam prezentis sian ĝeneralan raporton kaj la kasisto, S-ro Tassin, tiun pri la financa situacio.

S-ro Jaumotte kaptis la okazon por saluti kaj danki S-ron Rodeyns, kiu restarigis grupon en Thienen kaj gratulis S-ron Willem De Koning el Antverpeno, pro lia 25-jara jubileo, kiel esperantisto.

Li poste laŭtlegis la liston de la sukcesintoj en la ekzameno pri supera lernado, kiu okazis antaŭ kelkaj semajnoj en Bruĝo kaj gratulis la kandidatojn kaj dankis la juĝantojn.

S-ro Kempeneers faris plian alvokon favore je individua aliĝo al IEL, alvokis ĉiujn liganojn al kunhelpo en la ligaj laboroj, direktis dankojn al la ĉeestantoj kaj speciale al la eksterlandaj amikoj, kaj ankaŭ aparte al la estraranoj, administrantoj kaj komisaroj pro ilia daŭra kunlaborado.

Siavice, S-ro Jaumotte fariĝis la interpretanto de la ĉeestantaro, esprimante tutkorajn dankojn al la Liga Prezidanto, D-ro Kempeneers, kies senlaca laborado estas tiel valora por la Ligo, kiel por la tutmonda movado. Li tiam faris varman alvokon por tuja aliĝo al la venontjara kongreso de Tornako (Tournai — Doornijk) kaj favore al la kutima monkolekto por la Liga kaso, kiu atingis belan sumon.

Li ankaŭ atentigis pri la jam 700 aliĝoj al la Internacia Kongreso de Bern.

Fine S-ino Brankamp, nome de la



**LA MEMBROJ DE LA URBA ADMI NISTRANTARO DUM LA AKCEPTO**
**(tute je la maldekstra flanko, D-ro Grauls, oficiala reprezentanto de la ministro de Publika Instruado).**

nederlandaj gesamideanoj, kaj S-ino M. Haudebine, nome de « Esperantujo »,, salutis la kongreson. Ambaŭ estis vigle aplaŭdataj.

Tiu solena kongreskunsido finiĝis per kantado de « La Espero ».

**LA AKCEPTO EN LA URBDOMO**

La kongresanaro tiam sin direktis al la tutapuda urbdomo, kie, prezentata de S-ro Wauters, ĝi estis akceptata de S-ro skabeno Raport, funkcianta urbestro, kiu bonvenigis la kongresanojn per kelkaj frazoj en Esperanto kaj daŭrigis poste en la lingvoj flandra, franca kaj angla.

La parolado de la skabeno Raport estis tre interesa, pro la fakto, ke li parolis multe pli kiel homo kiu jam travojaĝis la mondon ol kiel oficialulo, kaj ke iam, kiel studento li estis iom lerninta nian lingvon kaj tiel klare konsciis pri kio li parolis.

Poste estis la vico de la urba konsilanto, advokato Van Dessel, kiu legis tutan paroladon en Esperanto, kio okazigis aparte viglan aplaŭdadon.

D-ro J. Grauls, direktoro ĉe la Ministerio, ĉeestis tiun solenon, kiel oficiala reprezentanto de la Ministro por Publika Instruado.

Ĉe la fino de tiu parto de la programo, S-ro Jaumotte resumis esperantlingve la flandran parton de la parolado de skabeno Raport.

Post trinkado de la honorvino, la ĉeestantoj rapide vizitis la urbdomon kaj, elirinte ĝin, estis fotografataj antaŭ ĝia ŝtuparo.

Dum la vizito skabeno Raport bonvolis doni interesajn klarigojn, dum li ankaŭ fotografigis sin meze de la kongresanoj.

**LA POSTTAGMEZA EKSKURSO**

Tiom laborinte, la kongresanoj ĝuis plej bongustan komunan tagmanĝon en la kongresejo, kaj la posttagmezo estis dediĉata al vizito de la fama kastelo Arenberg, en Heverlee apud Loveno, kie nun estas lokigataj en belega parkego la specialaj lernejoj de la Lovena Universitato.

Kelkaj fervoraj ekskursantoj, malgraŭ la malfrua horo, plenumis la tutan programon ankaŭ vizitante la grandan Beginejon kaj la Maŭzoleon de Pastro Damiaan.

**LA FESTENO**

Vespere, je la 7-a, okazis, ĉiam en la kongresejo, la granda — kaj, tio estas pli grava, bonega — festeno.

Sidis ĉe la honortablo Ges-roj Kempeneers, Jaumotte, Poupeye kaj Tassin, plie D-ro Grauls, S-ino Schoofs. F-ino Jennen kaj S-ro M. Wauters. Toastoj estis elparolataj de la prezidanto, al Lia Reĝa Moŝto Leopoldo, al kiu telegramo kun lojalecesprimo estis sendata.

Poste toastis S-ro Faes al la sinjoroj, kun respondo de S-ino Tasse ; S-ro Vandevelde al la eksterlandaj samideanoj kun sprita respondo de S-ro H. Moy Thomas ; S-ro Tassin al la gazetistaro, al kiu respondis S-ro Jaumotte nome de liaj kolegoj... kaj li kaptis la okazon por samtempe gratuli la Lokan Kongresan Komitaton, en kies nomo S-ro M. Wauters dankis.

Post tiuj toastoj la parolvico estis donata al S-ro J. Grauls, kiu nome de la Ministro, kiun li reprezentis, alparolis la festenantojn per belega esperanta parolado, kio estigis senfinajn aplaŭdadojn ; li daŭrigis flandre kaj france kaj certigis pri la varma simpatio de la oficialaj medioj de niaj propagandaj klopodoj. Li donis tre interesajn konsilojn por nia laborado en oficialaj rondoj kaj konkludis dirante sian fidon en la fina venko de Esperanto.

S-ro Jaumotte tiam tre lerte faris la alvokon de la honorgvardio de la 29-a en Tornako.

Tuj pli ol 60 kongresanoj enskribiĝis. Ni publikigos iliajn nomojn en la sekvonta numero.

Sekvis plej vigla balo, kaj ĝis tre malfrue en la nokto... la kongreso amuziĝis !

**LA EKSKURSO AL LA EKSPOZICIO**

Malgraŭ tio, ĉiuj partoprenantoj estis la sekvantan... ne, la saman matenon, ĉe la stacidomo jam de la 8.30-a.

Ili forvojaĝis per speciala vagonaro al Lieĝo, kaj, dum la tuta vojaĝo, la ridoj kaj kantoj iĝis pli laŭtaj ol la bruego de la rapidanta vagonaro !

Post mallonga promenado tra Lieĝo, la karavano enŝipiĝis sur la rivero Mozo kaj alvenis tiel en la Lieĝan Akvo-Ekspozicion.

Plia promenado tra tiu mire bela feurbo alkondukis ĝin ĝis la naĝbasenego « Lido », kie la kongresanoj, en surborda restoracio, ĝuis lastan komunan lunĉon.

Tie, S-ro Jaumotte lastfoje aplaŭdigis la junajn sed plej kapablajn organizintojn de tiu eksterordinare sukcesinta kongreso, S-rojn Wauters, Willot, S-inon Haudebine, kaj ĉiujn iliajn helpintojn.

Posttagmeze la kongresanoj en malgrandaj grupetoj vizitis la mirindan ekspozicion kaj je la 18-a, sin ĉiuj retrovis en la stacidomo.

La kongreso finiĝis, la speciala vagonaro denove rapidis. Lastaj ridoj kaj kantoj, kaj jen denove Loveno.

Repreno de la valizoj, lastaj manpremoj aŭ eĉ tumultaj forkuroj sen adiaŭoj... ĉar la vagonaroj ne atendas, kaj ĉiuj denove disiĝis al la kvar anguloj de la lando, kunportante plej ravajn memoraĵojn el tiu tro rapide forfluginta sonĝo en la tiom bela Esperantujo... kaj ĝis venonta jaro en Tornako !

*

En la sekvonta numero, ni reprenos kelkajn detalojn pri tiu bela kongreso. Kiel ĝi estas tiu ĉi raporto jam estas longa por esti publikigata en unu numero ! LA REDAKCIO.

---

# Intergrupa Konkurso

## DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Laŭ sugesto de la Centra Oficejo de I.E.L. komunikita al la gemembroj dum la ĝenerala Kunsido okazinta en la kadro de la 28a Belga Kongreso de Esperanto, oni prenis la decidon, por instigi la membrojn kaj la grupojn al pli aktiva varbado, organizi inter la grupoj aliĝintaj al R.B.L.E. konkurson, similan al tiu organizita inter la landaj asocioj :

1. Por ĉiu membro aliĝinta al R.B.L.E. pere de iu grupo, estas donitaj al tiu grupo poentoj laŭ jena tabelo :

| | |
|---|---|
| Familia Membro | 1 |
| Abonanto al B. E. | 3 |
| Membro kun Jarlibro | 5 |
| Membro-Abonanto | 10 |
| Membro-Abonanto-Heroldo | 12 |
| Membro-Subtenanto | 15 |
| Dumviva Membro | 50 |
| Patrono | 50 |
| Entrepreno | 10 |
| Vendo de kuponlibreto | 5 |

2. La elirbazo estas la stato je la fino de 1938, laŭ jena tabelo :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Antverpeno | 528 | Loveno | 28 |
| Bruĝo | 399 | Lieĝo | 51 |
| Bruselo | 325 | La Louvière | 53 |
| Charleroi | 33 | Nivelles | 31 |
| Gento | 161 | | |

Nur la grupoj ĉi tie menciitaj partoprenos la konkurson 1939. Novaj grupoj rajtos partopreni la konkurson en la jaro post sia aliĝo al R.B.L.E.

3. Al la aliĝinta grupo, kiu montros je la 31-a de Decembro la plej bonan progreson dum la jaro, kompare kun la supraj ciferoj, R.B.L.E. donos premion je valoro en varoj aĉetotaj de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K. S.

# BELGA KRONIKO

## a Intergrupa Konkurso

LA NUNA SITUACIO

| | | 1939 | 0/0 |
|---|---|---|---|
| 1. | Charleroi | 50 | 151.5 |
| 2. | Loveno | 35 | 125.0 |
| 3. | Bruselo | 346 | 106.4 |
| 4. | Bruĝo | 412 | 103.2 |
| 5. | Antverpeno | 458 | 86.7 |
| 6. | La Louvière | 42 | 79.2 |
| 7. | Gento | 97 | 60.2 |
| 8. | Nivelles | 17 | 54.8 |
| 9. | Lieĝo | 23 | 45.0 |

ANTVERPENO. — **Reĝa Esper-to-Grupo « La Verda Stelo ».** — nvenejoj « De Witte Leeuw », ınkrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Leemstraat, 127, Lge Rue d'Ar- : ĉiusabate je 20a h. 30.

rogramo por Julio kaj Aŭgusto :

an Julio : S-ro Vermuyten H. parolas pri ĉiu poeto en duono da horo », en Witte uw.

an : Kiel pasigi la libertempon, (kun ĉies helpo), en Witte Leeuw.

an : Ekskurso al Bobbyland.

5-an de Julio ĝis 19-an de Aŭgusto : Intima veno sen programo en kutima ejo.

9-an de Aŭgusto : Kiel ni pasigis la liber-pon (kun ĉies kunhelpo), en Witte Leeuw.

5-an : Ĝenerala monata kunveno en Witte uw.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperant-, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-met d'Or », placo Simon Stevin, tel. .59.

KUNVENEJO : « Salonego Brang-n » ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon vin. Tel. 318.23.

unvenoj dum julio kaj aŭgusto 1939-a (ĉiuj a Kunvenejo) :

-an de julio : Kunveno ne okazos. Je la kelkaj membroj kunvenos ne-oficiale ĉe Granda Placo, Café de la Bourse, ĉe S-anino stiaens, por aŭskulti la sonorilarkoncerton.

-an : a) Legado de « Belga Esperantisto » z. S-ro Ch. Poupeye) ; b) Kantado (Gvid- : S-ino Poupeye, ĉe la piano : S-ino Van ).

-an : Esperanta kartludado (Prez. S-ro H. Roye).

an de aŭgusto : Debato « Por aŭ kontraŭ lio » (Prez. S-ro H. Van Roye).

an : I.E.L.-vespero (Prez. F-ino Y. Thoo-

-an : Kunveno ne okazos pro la festotago.

-an : Humoraĵoj (Prez. S-ro G. E. Guil-le).

29-an : a) Parolado de S-ro G. Groothaert : « Legendo pri Reĝino Astrid » (Prez. F-ino A. Boereboom) ; b) Redaktaj ludoj (Prez. S-ro J. Drubbel).

N. B. En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per vespera promenado. Foriro je la 20-a akurate el la kunvenejo, tial oni alvenu ĝustatempe.

**BIBLIOTEKO** : malfermata en la Sidejo, ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekisto : S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, k.t.p. — Magazenisto : S-ro K. Decoster.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde : de la 8-a ĝis la 10-a.

Kursoj ne plu okazos ĝis la 1-an lundon de oktobro.

Lundon, la 10-an de Julio okazos baptofesto ; ĉiuj samideanoj estas invitataj. (Vidu klarigojn en la raporto (5-an de Junio).

Lundon, la 17-an S-ro Jacobsohn faros paroladon pri cigared-fabrikado.

Lundon, la 23-an kaj sekvantaj okazos interbabiladoj, ludoj, kantoj sen difinita programo (libertempo, multaj samideanoj estos for).

**ANTVERPENO. — « Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 3-an de Junio : Sub la prezido de S-ro Faes kaj post liaj enkondukaj vortoj pri la foriro al la Belga Kongreso en LOVENO dum la Pentekostaj tagoj, S-ro De Hondt faris detalan raporton kaj ĉiuj ge-partepreninto j ĝuis denove la agrablajn travivaĵojn de la kongresaj tagoj. La elokventa esprimmaniero de iliaj rememoroj havigis al ili prezidantajn fulmerojn.

La 10-an de Junio la grupanoj faris la ĉiujaran ekspedicion al la foiro kaj amuziĝis bonege.

La 17an de Junio okazis diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de S-ro Vermuyten Hector. La prezidanto, S-ro Jaumotte, alparolis la genovulojn indikante al ili la rimedojn por perfektigo kaj varme dankis la kursgvidanton.

Poste okazis priparolado inter ĉiuj la geĉeestantoj por trovi la plej bonan manieron organizi vesper-manĝon en la Esperanto-Domo.

La 24-an de Junio, dank' al kelkaj geamikoj — kiuj prenis sur sin la organizadon — okazis en nia Esperanto-Domo bonege sukcesinta vespermanĝo. La gemembroj kunvenis en beleta ornamita kunvenejo kie ili povis formanĝi bongustan pladon laŭ la ritmo de radiomuziko. Dum la tuta vespero regis la gajeco kaj en proksima okazo, ĉiu ano zorgos certe por pli gajigi la vesperon, alportonta ian anekdoton aŭ surprizon.

La 1-an de Julio : S-ro Vermuyten Hector parolis bonege pri la rimvortado en Esperantujo kaj faris samtempe senpagan reklamon por la RIMVORTARO de S-ro Jaumotte.

Ni havis la plezuron ricevi la viziton de nia eksterlanda samideano S-ro Luycke, vic-prezidanto de I.E.L., el Schiedam.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Socito.** — La 16-an de Majo, S-ro G. Spoon, prezentata de S-ro J. Drubbel, akiris meritItan sukceson pro sia interesplena parolado pri Telegrafio.

Lastaj aranĝoj por la nacia kongreso estis alprenataj dum la kunveno de la 23-a, post kio la ĉeestantoj agrabie kartludis sub gvidado de S-ro H. Van Roye.

Ĝenerala raportado pri la kongreso okazis dum la sekvanta kunveno de la 30-a. Pri la diversaj programeroj entuziasme parolis : Ges-roj Poupeye, S-ro Decoster kaj F-inoj C. kaj M. Willems.

La kunveno de la 6-a de junio estis anstataŭata, pro la belega vetero, per vespera promenado laŭlonge de la remparoj ĝis la nova stacidomo.

Nova kanto estis diktata de F-ino Thooris dum la kunveno de la 13-a, post kio, sub gvidado de Ges-roj Van Roye, okazis kantado.

La 20-an de junio S-ro Guillaume prezidis humoran vesperon. Li rakontis diversajn gajajn historietojn, kaj F-ino Thooris, S-roj Poupeye, Spoon, Rombauts kaj Van Roye helpis lin en tio. Intertempe S-ro Spoon ankoraŭ prezentis kelkajn interesplenajn enigmojn.

Jaŭdon, 22-an de Junio, Lia Reĝa Moŝto Leopoldo vizitis Bruĝon por inaŭguracii la Memling-ekspozicion. Granda delegitaro de la grupo, kondukata de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto, de S-ino M. Algrain, Honora Vicprezidantino, kaj de F-ino Y. Thoo-



S-ro Poupeye alparolanta la Reĝon.

ris, Prezidantino, staris kun la grupa flago proksime de la nova stacidomo por tie aklami la Reĝon. Dume ĉe la placo Simon Stevin, kie niaj verdstelaj flagoj flirtis ĉe la fasadoj de la Sidejo kaj de la Kunvenejo, S-ro Ch. Poupeye, sekretario de R.B.L.E., atendis kun siaj junaj gefiloj Karlo kaj Yvonne. Tiu lasta proponis al la Reĝo belan florgarbon dum nia liga sekretario direktis al la Honora Prezidanto de R.B. L.E. kelkajn salutvortojn nome de tiu Ligo.

Dum la kunveno de la 27-a de Junio estis raportata pri tiu reĝa vizito, post kio S-ro H. Van Roye prezentis plej agrablan krucvortenigmon en kiu ĉiuj partoprenis entuziasme.

Dimanĉon, 2-an de Julio estis tutesperanta tago por la Bruĝa Grupo. Matene ĝi partoprenis kun la flago en soleno ĉe la Muro de la Mortpafigitoj kaj poste en sekvantaro okaze de la Kolonia Tago. Posttagmeze 25 gemembroj sin direktis al Loppem kie ili vizitis la amuzan labirinton kaj poste promenadis kaj ludis en la arbaro de Tillegem por fini la vesperon en agrabla kunestado en la somertrinkejo Lekkerbek.

La 4-an de Julio okazis modela interparolado : unue imagita telefona konversacio inter F-inoj Thooris kaj Huyghe, kaj poste ĝenerala interparolado enkondukata de F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye pri tre simplaj subjektoj, sed en kiu baldaŭ multaj partoprenis kaj ĝin tiel agrable devojigis ĝis tute ne atenditaj temoj. Je la fino de la vespero okazis ankoraŭ triopa babilado kun posta publika raporto.

**BRUSELO. — « Esperantista Brusela Grupo ».** — La 5-an de Junio, post la babilado pri la Kongreso de Loveno, la Prezidantino, F-ino Jennen, elektigis baptopatrinon aŭ baptopatron inter la samideanoj por ĉiuj, dum la lastaj monatoj, « novbakitaj » esperantistoj de nia grupo. (Festo, kun surpriza programo okazos la 10-an de Julio.)

La 11-an de Junio, okazis la ekskurso antaŭvidata al Tervueren ; pro la malbela vetero, malmultaj ĉeestis ; tamen la neĉeestantoj malpravis : la arbaro estas belega ankaŭ sub freŝiga pluveto !

La 12-an, F-ino Pierre gvidis ŝaradojn, kun sukceso.

La 19-an, F-ino Kerkhofs, anstataŭ la parolado pri filatelio (prokrastita) gvidis originalajn societludojn, kaj S-ro D-ro Kempeneers, surprize, donis la filmon de li faritan, pri nia kongreso en Loveno. Li ankaŭ montris belegajn filmojn pri la vojaĝo en Algerio de li farita dum Januaro.

Aparte ni menciu sub tiu ĉi rubriko, ke post interparolado de nia Liga Prezidanto, kun la skabeno de publika instruado de Ixelles kaj kun s-ro Böse, direktoro de la Komerca Lernejo de la Londona Placo, F-ino Jennen havis la okazon fari paroladon pri Esperanto en tiu brusela antaŭurbo.

Poste, S-ino Haudebine faris provlecionon, antaŭ la direktoro, la profesoro kaj 275 lernantoj, aĝaj de 12 ĝis 17 jaroj.

La aplaŭdoj estis frenezaj !

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista ».** — Krom la ĉiumerkredaj kunvenoj por pli profunda lernado de la lingvo, Gent'a Grupo de Reĝa Belga Ligo Esperantista havis, la dimanĉon, 23-an de Aprilo, literaturan kunsidon.

Oni aŭdis unue du scenojn de « Bietje », esperantlingve dirataj de F-ino Dulak (Bietje), S-ro Lom (Monne), kaj S-ro Kampul (Jean Baptiste) ; due, paroladeton de S-ro Deŝan pri « La junaĝo de H. Conscience » ; poste, scenon el « Charlotte Corday », diritan de F-ino Najtingal (Charlotte), kaj S-ro Vir (Marat).

S-ino Riĉulin diris la horoskopon de la ĉeestantoj.

Tombolo pri esperantaĵoj, kun surprizo, kaj esperant'a kartludo kompletigis tiun agrablan posttagmezon.

**LA LOUVIERE kaj CENTRA REGIONO.** — De amiko de Esperanto, S-ro Willy Grard, sekretario de la Turisma Federacio de la Centra Regiono, ni ricevis peton atentigi niajn legantojn pri la popolaj libertempoj, organizataj, de la 15-a ĝis la 24-a de Julio, de la komunuma estraro de Morlanwelz-Mariemont kaj la nomita Federacio kaj dum kiuj okazos ĉiuspecaj agrablaj kunestoj kaj granda « Rallye-cycliste et cyclo-campeur ».

Por loĝado kaj informoj, oni sin turnu al la komunuma sekretariejo de Morlanwelz-Mariemont.

**THIENEN. — « Tienena Grupo Esperantista ».** — La « Tienena Grupo Esperantista » kiu jam estis starigata en Februaro 1927, sed kiu ne plu donis vivsignon de 1930, nun estas vigle restarigita, dank' al :

1. Klopodoj de S-ro Wauters el Loveno kaj de S-ro Rodeyns, malnova samideano en Tienen ;

2. La bonegaj rektmetodaj lecionoj gvidataj de S-ino Haudebine, kiu nun gvidas perfektigantan kurson por la samaj lernantoj.

3. S-ro Kempeneers, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, kiu ĉeestis la lecionon la 16-an de Majo 1939, kaj bonvolis poste klarigi al la ĉeestantaro la esperantan movadon en Belgujo kaj en la mondo. Li ankaŭ informis la novulojn pri la esperanta gazetaro kaj libraro.

S-ro Rodeyns, je la nomo de la novuloj, kore dankis S-inon Haudebine pro la bona kaj sindonema gvidado de la kurso. Beleta kupra florvazo estis donacita al la gvidantino kiu kortuŝite dankis.

Fine la novuloj decidis rekrei la « Tienenan Grupan Esperantistan » kaj elektis S-ron Rodeys kiel prezidanton, S-ron Truyens kiel sekretarion kaj S-ron Cluts kiel kasiston.

Tiu memorinda kunveno en la lernejo, 8, Oude Vestenstraat, finigis je la 22.30-a kaj gaje babilante la tuta ĉeestantaro ankoraŭ restis dum unu horo en proksima kafejo.

Rezultato : dek novuloj bone esperantiĝis.

Diversaj propagandartikoloj aperis flandralingve en la loka gazeto « Ons Blad » kaj ni intencas vigle propagandi por novaj kursoj en la regiono dum la posta aŭtuno.

**St. TRUIDEN. — Starigo de nova Grupo.** — S-ro Geets el St. Truiden ĉeestis la unuajn lecionojn en Tienen, sed pro malfacilaj vojaĝkondiĉoj, li klopodis krei kurson en sia u[…]
kaj plene sukcesis.

S-ino Haudebine gvidas ankaŭ tiun r[…]
metodan kurson sekvatan de 20 lernantoj.

Dimanĉon la 18-an de Junio, anoj de[…]
« Tienena Grupo Esperantista » S-roj Rodey[…]
Truyens, Cluts kaj Veldhaens (membro) vi[…]
la gesamideanojn en St. Truiden, kaj ĉe[…]
lecionon kun la St. Truidenanoj.

Dum la paŭzo, S-ro Rodeyns, kore saluti[…]
novulojn je la nomo de la geanoj de sia gr[…]
Li ankaŭ plezure gratulis la gelernantojn el[…]
Tiuden kiuj jam bone « verdiĝis », kaj po[…]
sub aplaŭdo de la ĉeestantaro, li tutkore da[…]
kaj gratulis S-inon Haudebine pro ŝia sp[…]
kursgvidado.

S-ro Rodeyns incitis siajn novajn amik[…]
starigi grupon. La ideo tuj estis aplaŭdata[…]
per voĉdonado S-ro Onclinx estis elektita[…]
prezidanto, F-ino Joné G. kiel sekretariino[…]
S-ro Vandervoordt kiel kasisto. Poste oni ba[…]
la grupon « Sub la Verda Stelo ». S-ro […]
deyns gratulis la jus elektintajn komitatan[…]
kaj deziris bonan sukceson kaj pligrandiĝon[…]
la naskiĝinta grupo. Li ankaŭ instigis la nov[…]
grupanojn kiel eble plej ofte kunveni, in[…]
babili kaj festi esperante kaj akceptis esti ba[…]
patro de la nova grupo, kio feliĉigis la nov[…]
esperantistojn. La nova prezidanto sia[…]
dankis S-inon Haudebine kaj la ĉeestantoj[…]
Tienen, kiujn li kore invitis al la festeto es[…]
anta okazonta en St. Truiden je la 2-a de J[…]
proksima. La tienenaj amikoj promesis ĉe[…]
tiun feston kaj kunkonduki kiel eble plej m[…]
ajn samideanojn el ilia grupo.

Vere, la 18-a de Junio estis bonega pro[…]
ganda tago por la geamikoj el St. Truiden[…]
Tienen !

E. RODEYNS

FAMILIA KRONIKO

**GRATULOJ**

Al Sinjoro Léon COGEN, pacjuĝisto[…]
Ninove, emerita komitatano de R.B.L.E.,
laŭ reĝa dekreto de la 8-a de aprilo 19[…]
estis honorigata kiel Kavaliro en la Ord[…]
de Leopoldo.

**KONDOLENCOJ**

Al Sinjorino M. ALGRAIN, Honora Vic[…]
zidantino de la Bruĝa Grupo, kaj al ŝiaj fa[…]
anoj, pro la korŝiriga funebro kiu ilin tr[…]
per la morto de ŝiaj du junaj genepoj en[…]
nado, Pierre kaj Francine.

**POST-KONGRESA DANKO !**

Post la kongresa festeno, kiun, bedaŭri[…]
mi ne ĉeestis, mi aŭdis ke, dume, pluraj pa[…]
intoj varme laŭdis min.

Ĉar tiam mi ne sukcesis danki ilin ĉiujn[…]
tion faras nun, tre sincere. Krome, permes[…]
mi diri, Karaj Geamikoj, ke viaj laŭdoj e[…]
por mi instigo meriti ilin, ĉar ne por ri[…]
ilin mi laboris, sed por helpi vin kreskigi […]
movadon en via lando. La rezultato mon[…]
ĉu mi meritas ilin.

Do, mi daŭre zorgu, ke la novuloj ne[…]
lernu sed ŝatu esperanton, kaj komprenu[…]
moralan valoron.

La sola rekompenco, kiun mi ŝatas, estas[…]
kaj senti, ke via simpatio al mi estas sin[…]
kiel mi sincere estimas vin.

M. HAUDEBIN[…]

### CUIQUE SUUM AL ĈIU NI LASU LIAN APARTENAĴON

Antaŭ nelonge oni legis el ĉiutagaj etoj, kaj ankaŭ el « Belga Esperisto » ke la fama 60-jara profesoro Einstein trovis novan klarigon pri gravitado kaj ĝiajn rilatojn kun terio, elektro kaj magneto.

Pli ol 80-jara Belga profesoro, S-ro Vierendeel konigis pli frue tian Magnetan-elektran teorion de nia na Mondo », per kiu li klarigas la omenojn de Gravitado.

Tiu studaĵo aperis en « Annales des énieurs sortis des Ecoles de Gand », La « Bulteno de Internacia Scienca kajero kvara de 1937.

Asocio Esperantista » n-o 56 de Februaro 1939 konigis al la esperantanoj resumon de tiu grava verko.



### GAZETOJ AŬ ELTRANĈAĴOJ RICEVITAJ ĜIS LA 10-6-1939.

| GAZETOJ. | TEMOJ. |
|---|---|
| **A. I. G. Bulletin :** | Mencias esp. resumojn, de artikoloj de AIG en la bulteno de I.S.A.E. |
| **Belang van Limburg :** | 22-4-39 : raporto pri E.-leciono de S-ino Haudebine en St. Truiden. — 27-4-39 : Opinio de S-ro deputito Frenssen pri E. en la Ĉambro de deputitoj. |
| **Le Bien Public :** | 2-6 : Raporto pri la kongreso de BL en Loveno. |
| **Het Brugsche Handelsblad :** | 18-3 : Artikolo pri turisma propagando pri Brugo. 27-5 : Anonco de la kongreso de B.L. en Loveno. |
| **Burgerwelzijn :** | 3-6 : Raporto pri tiu kongreso. |
| **Cassandre :** | 29-3 : Karikaturo pri Frenssen pentrante E.-stratnomojn. |
| **La Croix de Belgique :** | 23-4 : en unua paĝo, tri artikoloj : Apprenez l'E. à l'INR. Le 21[e] Congr. E. Catholique. Recrudescence du mouv. espér. |
| **De Dag :** | Ĉiusemajna redaktaĵo pri E., de Fl.L.E., pri kongresoj, E. en la lernejoj (kun mencio de la jarlibro de I.E.L.), profesoro Cart, la Verda Standardo, kun bildoj de la kongresoj en Loveno kaj Antverpeno. |
| **La Flandre libérale.** | (dato ?) Anekdoto prenita el HEROLDO. (dato) ? Longa raporto pri la kongreso en Loveno. |
| **La Gazette (Brux.) :** | 27-5 : Anonco de la kongreso en Loveno. |
| **De Gentenaar :** | 1-6 : Raportoj pri la kongresoj de B.L. kaj Fl.L. |
| **Journal de Bruges :** | 28-5 : Anonco de la kongreso de B.L. en Loveno. 4-6 : Raporto pri tiu kongreso. |
| **Het Laatste Nieuws :** | 22-5 : Raporto pri festo de laborista grupo « Solidareco » kaj gratuloj de S-ro Jaumotte nome de la Asocio de Esp. grupoj, kun bildo de teatraĵo. — 26-5 : Pri la kongreso de Fl.L. en Antverpeno. — 29-6 : Longa raporto kun bildo pri la kongreso de B.L. en Loveno kaj raporto kun du bildoj pri la kongreso de Fl.L. en Antverpeno. |
| **La Libre Belgique :** | 9-4 : Informoj pri la kat. intern. junulartendaro en Tervueren ; pri la kongresoj ; pri la nova papo favora al Esp. |
| **Le National bruxellois :** | 1-6 : Opinio de S-ro Frenssen pri Esp. en la Ĉambro de deputitoj. |
| **La Nation belge :** | 31-3 : Informaĵo pri Esp. en la filmo « Idiots' Delight ». |
| **La Patrie (Brugo) :** | Ĉiusemajna « Chronique Espérantiste ». Artikoloj el HEROLDO, LA PRAKTIKO, FRANCA ESPERANTISTO, aŭ pri originalaj alvokoj, raportoj aŭ novaĵoj pri I.E.L., Radio, Rotario, bibliografio, TEKA, kongresoj kaj kelkfoje novaĵoj en franca lingvo. |
| **Le Soir :** | ?-4 : komuniko pri la kurso en hotelo Albert I. — 4-5 : humoraĵo pri E. — 29-5 : Aludo al S-ro Frenssen kaj E. — 30-5 : Artikolo pri la kongreso de FL en Antverpeno. |
| **Solidarist (Brugo) :** | 27-5 : raporto pri la kongreso de B.L. en Loveno. |
| **Vooruit :** | 31-5 : artikolo pri la internacia lingvo ; la redaktoro ne fidas al la fina sukceso de E. kaŭze de la artefariteco (?!) sed rekomendas... Basic English. — 30-4 : anoncas la malfermon de Esp. giĉeto en la Pariza ĉefpoŝtoficejo, kun bildo. — 29-5 : raporto pri la kongreso de B.L. en Loveno. |
| **Vredes-Actie (KJVA Antw.) :** | Aprilo 1939 aldonis verdan folion pri landa defendado. |
| **Het Woensdagblad :** | El Brugo 28-9-38 (!) : raporto pri kunveno de Bruĝa Grupo. |
| **De Nieuwe Gazet :** | Longaj raportoj pri la kongreso. |

# La «MINIPIANO» BRASTED

PREZENTATA
de
**Gustave FAES**
Marché aux Souliers
Schoenmarkt, 16
ANTVERPENO

KOSTAS **Fr. 4,400**



Se vi filmas
aŭ intencas filmi
VIA INTERESO
ordonas ke
vi vin turnu al

## Cinama

Avenuo Louise, 46a,
BRUSELO
Tel. : 12.40.13
*Korespondas*
*en Esperanto*




Indien ge filmt of het inzicht hebt te filmen, gebiedt u UW INTREST u te wenden tot

**CINAMA**

Louisalaan, 46a BRUSSEL Tel. 12.40.13

OSTENDO BELGUJO

## HOTEL VROOME

*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*
20. BULVARDO ROGIER. — Tel. : 37.

BELGA MARBORDO

## Grand Hôtel d'Oostduinkerke

Bone konata de multaj Esperantistoj.

—o—

P. Benoit, Posedanto

## Hôtel du Cornet d'Or

**2, PLAC SIMON STEVIN (BRUĜO)**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista (Reĝa Societo).
:-: Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj. :-:

—o—

*Oni parolas Esperanton. — English spoken.* DS (106).

## "GEVEA" Sapo...

G. VERMANDERE
Wetstraat, 15, Antverpeno

**La esperantistaj gepatroj donas al siaj infanoj :**

## "Paidophile Siropon"

**kontraŭ tuso, kokluŝo, febro, ktp.**
**Mirindaj rezultatoj**
**En ĉiuj apotekoj : 7 kaj 12 fr.**

**APOTEKO J. BONGE**
**— LA LOUVIERE —**

### Estraro de "Belga Ligo Esperantista"

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)

**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.